# PENSEO

*N-ro 141*

*Julio/2003*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**

**Honorita de Premio Grabowski,1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 13-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm**


***Karaj legangoj:***

*Bonan novaĵon al vi! Post longatempa preparado, ni jam trovis stabilan lokon por nia revueto Penseo sur la reto, kaj ties ĉiuj numeroj (de n-ro 1 ĝis nuna n-ro) estas surretigitaj. Pro tio, vi povas legi ĉiu ajn n-ron surrete oportune. Tamen, bedaŭrinde, pro teknika kaŭzo, ni ne povis restarigi la originalan fizionomion de la pasintaj numeroj (antaŭ 107-a n-ro) redaktitaj de Shi Chengtai, Guozhu kaj Mao Zifu respective: ĉiuj allogaj ilustraĵoj estas ellasitaj. Se vi ne estas regula leganto dekomence de la 1-a n-ro, eble vi nur povas spekti ilian veran fizionomion ĉe Donghu-a Esperanto-Domo, kiu konservas la plenan kolekton de paperaj eldonaĵoj de Penseo.*

*Vejdo*

Guan Hong

## Du Multekostaj Blankaj Fiŝoj

Tio okazis post nelonge, kiam mi, diplomiĝinte wl universitato, havigis al mi okupon post longa penado.

Kiam la kompania mastro estis vojaĝonta pro komercaj aferoj, li asignis al mi rutinajn laborojn dum lia foresto, kaj li precipe donis al mi la taskon bone zorgi pri liaj du blankaj fiŝoj.

Li estas hongkong-ano. Kiam li venis al la kontinento de Ĉinio por investi, li kunportis tiujn blankajn fiŝojn. Okaze de malfermiĝo de lia kompanio, la akvario, kiu havis proksimuman grandecon de 29-cola televidilo, metiĝis ĉe la plej okulfrapa loko en la ĉefhalo. Pro da neĝe blankaj fiŝoj kun peĉnigre kristalaj okuloj navete naĝadis fiere kaj elegante tra abundaj akvherboj kaj goteska rokaĵeto en la akvario. La maestro diris, ke la paro de blankaj fiŝoj bonaŭguraĵo, kiu alportadis al li bonŝancon de tempo al tempo.

Mi prizorgis la blankajn fiŝojn, pensante, ke, ĉar mi ĵus komencis mian okupon, mi devas perfekte plenumi la taskon asignitan de la mastro. Tamen, iufoje, kiam mi ŝanĝis akvon, mi volis elpreni la rokaĵeton por lavi ĝin. Mi neniel sciis, ke pro longa trempado en akvo la rokaĵeto kovriĝis per gliteca tavolo. Apenaŭ mi ĝin elprenis, kiam ĝi forglitis el miaj manoj. Bum! Rompiĝis akvario. Kaj vitropecoj kaj fiŝoj falis teren. La du suplaj fiŝoj saltetadis energie sur la tero… Mia kolego Qin elkuris el sia oficejo kaj helpis min. Ĝis kiam ni elsavis la fiŝojn en la akvon, ni trovis blankajn skvamojn sur la tero. Qin diris, ke la blankaj fiŝoj eble ne povos pluvivi. Miaj larmoj elpuŝiĝis neretenebl e.

Tiun nokton mi sendormis. Antaŭ miaj okuloj aperis jen la kolera vizaĝo de la mastro jen mokemaj okuloj de kolegoj. Ili ŝajne diris, ke tiu ĉi homo estas neniom kompetenta.

La sekvantan tagmezon, mi ne havis inklinon manĝi kaj siesti. Mi iris aĉeti akvarion per duono de mia monata salajro, kaj metis fiŝojn en ĝin, esperante, ke ili povu ĝisvivi. Tamen la fiŝoj havis tro malfortan vivpovon. Frue la train matenon, ili jam mortis kun siaj ventroj supren. Kion fari? Kion fari? Eskapi! Mi diris al mi mense, ke el diversaj solvoj la plej bona estas eskapi. Sed mi nuligis la ideon, ĉar mi finfine estis bone edukita dum

longa tempdaŭro!

Dum double ripoztagoj, mi vizitis preskaŭ ĉiuj butikojn por dorlotbestoj tra la urbo. Mi ne sciis la ekzaktan nomon de la fiŝoj, sed mi firme tenis ilian formon en mia memoro. Mi priseĉis la fiŝojn de butiko kaj butiko zorgeme, sed vane. Ĝuste kiam mi preskaŭ falis en malesperon, jen la fiŝojn mi eltrovis finfine! Tamen mi stuporiĝis je la teruriga prezo: pli ol 1100 yuanoj por unu fiŝo! Malgraŭ ĉio, mi aplombiĝis kaj petis la vendiston atendi mian revenon por kolekti sufiĉan monon.

Mi elprenis ĉion, kion mi ŝparis, sed mi ankoraŭ bezonis pli ol 400 yuanojn. Kaj la salajtago distances je dekkeklkaj tagoj. Mi havis nenian alian metodon ol pruntepreni 500 yuanojn el Qin kaj petis ŝin teni la sekreton.

En la sama posttagmezo, kiam mi metis la aĉetitajn fiŝojn en la akvarion, la mastro revenis. La unua afero, kiun la mastro, post longa vojaĝo, faris, estis stari antaŭ la akvario kaj observi zorgeme. Neniu povis imagi, kiel furioze mia koro batis tiam. Post du minutoj, li eniris sian oficejon. Mi eligis longan faciligitan spiron. Kia bonŝanco!

Unu monato pasis senrimarkite. En la tago de honorario-disdonado, mi aŭdis Qin plori en la oficejo de la mastro. Ŝajnis, ke ŝi pravigis sin. Ŝiaj kelkaj farozoj klare iris en miajn orelojn: "Kial oni dekalkulas mian honorarion? Estas iu, kiu falrompis la akvarion kaj mortigis la blankajn fiŝojn, sed nenio okazis al ŝi. Ĉu mia eraro ne estas, ke mi mistajpis kelkajn vortojn?..."

Momenton poste, la mastro venigis min en sian oficejon. Sentante rigidecon tra la korpo, mi singêne eniris lian oficejon.

"Ĉu vi falrompis la akvarion kaj mortigis la blankajn fiŝojn?"

"Jes."

"Ĉu vi aĉetis la akvarion kaj blankajn fiŝojn per via propra mono?"

"Jes."

"Kial vi ne eskapis?"

Levinte mian kapon, mi penis legi lian vizaĝesprimon: li sin tenis tre trankvila. Mi ne sciis, kio troviĝis en lia menso, kaj miaflanke, mi ne havis multan tempon por pripensi, mi elbuŝigis nur la jenajn vorojn: "Oni devas esti honesta. Oni devas kompensi tion, kion ili difektas. Tion al mi inokulis miaj gepatroj kaj instruistoj de mia infanaĝo."

"Bonege!" li laŭdis tiel subite, ke mi sentis ektremon en la koro. Sur lia bruna vizaĝo ludis radioj. "Mi tre aprecas vian motivon. De la sekvanta monato, vi eklaboros kiel vicdirekto en la vendada sekcio kaj asistos al la direktoro. Kio estas via opinio?"

Neatendita rezulto senvortigis min. Post longe tempo mi diris, "Dankon!" Kiam mi estis turnonte min, li haltigis min kaj donis al mi stakon da monbiletoj. "Jen estas la sumo, per kiu vi aĉetis la akvarion kaj fiŝojn. Vi ĵus havigis al vi okupon kaj vi ne posedas multe da mono. Sciu, ankaŭ mi havas devenon de malriĉulo. Ne facile havigi okupon!"

Miaj larmoj elfluis nereteneble. Kian ajn maljustaĵon mi suferis, finfine mi ricevis merititajn komprenon kaj respekton. Mi ĝojis pri mia insisto al la principo de bonkonduto tuj ĉe la komenco de smia vivtenado.

elĉinigis Hongjia

## EL *LAŬZI*

## ĈAPITRO 74



(Tiu ĉi ĉapitro estas averto por la regantoj, kiuj tiranas la popolon per mortigoj. La regantoj, kiuj faras mortigojn anstataŭ la ekzekutisto, neeviteble venos al tre malbona fino, tial Laŭzi proponas ne trakti la popolon nur per forto, ĉar la mortigado ne povas helpi atingi la celon regi la popolon.)

La popolo ne timas morton;
Kial do minaci ilin per ĝi?
Se la popolo timus morton
Kaj mi povus kapti kaj mortigi tiujn, kiuj faras malordon,
Kiu do kuraĝus plu fari malordon?
Troviĝas ĉiam ekzekutisto, kiu estas preta fari mortigojn.
Fari mortigojn anstataŭ la ekzekutisto
Estas kiel haki lignon anstataŭ lerta ĉarpentisto.
El tiuj, kiuj hakas lignon anstataŭ lertaj ĉarpentistoj,
Preskaŭ neniu evitas vundi siajn manojn.

## ĈAPITRO 75

(En tiu ĉi ĉapitro Laŭzi konsilas al la regantoj ne droni en sia luksa vivo sen zorgi pri la suferoj de la popolo. Li laŭdas la regantojn, kiuj iagrade moderigas la ekspluatadon, asertante, ke ili estas pli saĝaj ol tiuj, kiuj faras troan ekspluatadon.)

La popolo suferas malsategon,
Ĉar tro multaj el la impostoj estas forglutitaj de la regantoj.
Jen la sola kaŭzo, kial la popolo suferas malsategon.
La popolo estas malfacile regebla,
Ĉar la regantoj tro amas fari agojn.
Jen la sola kaŭzo, kial la popolo estas malfacile regebla.
La popolo riskas sian vivon,
Ĉar la regantoj tro zorgas pri sia vivo.
Jen la sola kaŭzo, kial la popolo estas devigita riski sian vivon.
Tiuj, kiuj ne ŝatas sian vivon,
Estas pli saĝaj ol tiuj, kiuj tro ŝatas sian vivon[1].

[1] La regantoj, kiuj tro ŝatas sian vivon, neeviteble plipezigas la impostojn kaj tiel mizerigas la popolon.

## ĈAPITRO 76

(En tiu ĉi ĉapitro Laŭzi konkludas al ĝenerala principo, ke la mola kaj malforta estas la plej potenca, dum la malmola kaj forta estas la plej rompiĝema kaj proksima al la morto.)

Naskiĝinte, la homo havas korpon molan kaj malfortan,
Mortinte, li havas korpon malmolan kaj rigidan.
Ĉiuj estaĵoj, herboj kaj arboj, estas suplaj dum sia vivanteco,
Sed ili fariĝas sekaj kaj rompiĝemaj post sia morto.
Tial la malmola kaj forta apartenas al la morto,
Dum la mola kaj malforta apartenas al la vivo.
Jen kial la armeo, fariĝinte potenca, frakasiĝos,
Kaj la arbo, kreskinte forta, rompiĝos.
Do la malmola kaj forta okupas la malsuperan pozicion,
Kaj la mola kaj malforta okupas la superan pozicion.



el la ĉina **Wang Chongfang**

# Poemoj Surretaj

Bai Lang

## Paseoj ĉe Matenruĝo

matenruĝ' krepuskon kovras
karesas miajn vangojn brizo freŝa
mi svingadas flugiletojn, saltas
sekvante la patrinon, ĉirpas

paser' maljuna
ĉe l' vickapo iras
tri junajn korojn gvidas
okupita en maten' somera

serĉas, serĉas, serĉas ili
semojn kaj miliojn, kaj senĉese pekas
ĉirpe, salte, fluge ĉirkaŭ vi
vete kaj konkure por nutraĵoj etaj

sunbril' prilumas delikatajn korpojn
baldaŭ ili sin vivtenos
la donaco lasta — lerni kiel vivi
vin atendos via propra vivo

matenruĝ' regule sin preznetas
promenas homoj laŭkutime
paseroj saltetemaj
bezonas vivi kiel temp' antaŭa

## Senlarma Amsopiro

senlarma amsopiro
min endormigas en aer' senlima
por eterne
pririgardas mi belecon vian
pejzaĝon vian preterpasi
animstato bela
vere belas
  gut'da larmo senparola
penetras en internon vian
solviĝas en profundon vian
mi foriri volas
jam tre malfrue
  tre malfrue

elĉinigis Duŝko

## Ci Dian

### *Adiaŭ al Hieraŭo*

por diri adiaŭon al doloroj, vundoj hieraŭaj
mi enterigas novan semon
por diri adiaŭon al doloroj, vundoj hieraŭaj
mi ekscias, kia amo indas je valoro

la semo en la tero
sopiras al ekĝermo
kvankam ankaŭ multas doloretoj
animoj komunikiĝemaj
kaj paciencaj koroj
tamen vidos novan sunradion

protekti l' semon
kaj la ter' fekunda
ni ambaŭ
la semon aman
elterigos fuŝe

diru adiaŭon al doloroj, vundoj hieraŭaj
mi zorgeme flegas
nunajn doloretojn

elĉinigis Yang Fang

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
........................................
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
..............................................
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_